# INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




1. 4. 1969 Nr. 3

## "D A N Ĝ E R A J  E L T O N D A Ĵ O J"

Ni glumarkkolektantoj devas atenti, ke "danĝero" minacas nin en formo de "glumarksimilaj eltondaĵoj". Mi plurfoje konfrontiĝis kun tiaj "markoj", kiujn oni menciis kiel "nekonataj, nedentitaj kaj negumitaj maloftaj glumarkoj". Kaj mi devas konfesi, ke mi timas, ke malgraŭ mia singardo povas esti, ke kelkaj tiaj objektoj tamen eniris mian katalogon. Ekz: La konata, hungara eksperto, s-ro Rampacher, opinias, ke nr. 150, "Belĥoro kvinjara" estas tia eltondaĵo. Neniu nuntempa kolektanto konas la markon. (Kial mi do priparolas ĝin? Ĉar ĝi estas nomita en la katalogo de Takács). Paro de aliaj numeroj estas suspektinda.

La plej nova ekzemplo estas la en Fenikso pĝ. 9 priparolita glumarko de la 16a ELNA-kgr.

Mi legis pri tiu marko, sed ĉar neniu konis ĝin, mi skribis direkte al ELNA kaj demandis.
Kiel respondo mi ricevis 2 numerojn de la ELNA-gazeto en kiuj oni anoncis la kongreson.
Ĉe la kongresa teksto estis la jene vinjeto presita:




Ne glumarko krom tiu ĉi.

kaj oni aldonis skribé al mi, ke oni ne havis alian "glumarkon" ol tiu vinjeto. Sic!
Estas ja konate, ke pluraj organizoj je la priparolo en revuoj pri kongresoj montras tiajn - ofte belajn - vinjetojn. Kaj la penso, ke ili ankaŭ utiligus tiujn belajn desegnaĵojn por glumarkoj estas ja proksima - sed ne ĝusta.
Kongresajn paperojn, aliĝilojn kaj bultenojn oni ankaŭ ofte beligas per tiaj vinjetoj, kaj speciale de tiaj paperoj oni estas tentataj eltondi la vinjeton. Sed pli poste povas alia kolektanto en bona kredo rigardi tian eltondaĵon kiel veran "glumarkon".
Do, ni estu singardaj!

□ Reinhold Jensen

---

Ne estis ebla antaŭ-aranĝi kunvenon en Helsinki, sed Arekanoj, kiuj kongresos, povos eble mem pere de la Rendevua Tabulo provu renkonti unu la alian. - - Sukceson kun tio!!! □

## INSULO DE LA ROZOJ

La historio de la unua "suverena ŝtato", kiu adoptis Esperanton kiel sian oficialan lingvon, estas historio dramoplena, miksaĵo el absurdo kaj eltrovemo, sukcesoj kaj ĉagrenoj. Por la ekstera mondo ĝi estas amuza anekdoto, por la italaj aŭtoritatoj ĝi estas "minaco al la ŝtata sekureco", por la konstruinto ĝi estas kolosa financa perdo - skribis la UEA-organo ESPERANTO en oktobro 1968.
Sed la tuta historio estas nekredebla kiel mistika fabelo kreita en la cerbo de utopiista revulo, kaj tamen ĝi estas vera.
-

La itala inĝeniero Georgio Rozo komencis jam en 1964 konstrui turon el ŝtalo en la Adriatika Maro proksime je la banurbo Rimini, sed 12 kilometrojn ekster la marbordo kaj tial en internacia marteritorio ekster la itala nacia "marlimo". La konstruado estis ebla, ĉar la marfundo tie estas nur 14 metrojn sub la akvosurfaco.
La unua provo ekzistis nur mallonge, ĉar jam en 1965 dum vintra stormo la marondoj frakazis la tutan. Sed inĝ. Rozo tuj komencis konstrui alian "insulon". Sur kolonoj de ŝtalo kaj cemento li konstruis larĝan plataĵon kun areo de 400 □-metroj. Sur tiu plataĵo li volis aranĝi restoracion, komercejon, poŝtoficejon, bankon k.t.p. kaj sur la "tegmento" povis esti agrabla teraso por sunbanado k.s. Do, certe povus ekesti ĉi tie alloga, turista ekskursejo.
La tuto estis preskaŭ finkonstruita, kiam la fino jam estis proksima.
Ĉu vi memoras la fabelon pri la fiŝista virinaĉo, kiu fariĝis riĉulo, reĝo kaj eĉ imperiestro pro deziroj plenumitaj de sorĉfiŝo? Por ŝi la tuta gloro frakasiĝis, kiam ŝi volis esti ĉiopova kiel la Dio mem. Same la agado de inĝ.Rozo estis ŝtopita, kiam li volis esti - ĉu ne Dio - tamen "sendependa ŝtatestro".
La 22-an de junio 1968 li diskonigis, ke te-

mas pri pli ol nur ŝtalkonstruaĵo en la maro. Li deklaris la "artefaritan insulon" sendependan ŝtaton.

La plano rapide efektiviĝis. Ekflirtis nova nacia flago oranĝkolora kun 3 ruĝaj rozoj kaj 3 verdaj steloj. En valuto, nomita "Mills" aperis moneroj kaj POŜTMARKOJ, kaj tiuj estis la unua pruvo, ke tiu ŝtato elektis kiel sian lingvon la internacian, ĉar la teksto de tiuj estis: Poŝto de la L.T. insulo de la rozoj. 30 Mills. La bildo montris tutan Italujon en "bird-perspektivo" kun kolosa pligrandigita desegno de la ŝtalkonstruaĵo en la maro.

Sed kompreneble tiuj "poŝtmarkoj" neniam povis servi kiel internacian afrankon sur leteroj.

Post ĉiuj tiuj manifestioj la juna "ŝtato" estis mortkondamnata, kaj jam 4 tagojn post la deklarigo de ĝia sendependeco, ĝi estis envadita de italaj policistoj kaj diversaj reprezentantoj de la itala registaro.

Protestoj kaj juraj plendoj ne efikis, sed ankoraŭ daŭras la juran batalon inter inĝ. Rozo kaj la itala ŝtato. Hodiaŭ tiu efemera "ŝtato" jam ne ekzistas, - ĝi estas detruita.

Sed la "poŝtmarkoj", kiuj kompreneble neniam povis servi kiel alio ol kuriozaĵo, - mirinde, ekhavis intereson inter kolektantoj de maloftaĵoj, kaj ili tuj estis taksitaj je pli granda prezo. Interesuloj povas sin turni al adreso: Insulo de la rozoj, S. Bernardino 26, I - 47037 Rimini.- (laŭ anonco en ESPERANTO feb. 1969). (foto, marko kaj UTK kostas 15 rkp). (tiu laste - sen respondeco de mi).

Reinhold Jensen

---

## ESPERANTO filatele uzata

Nia membro, Gustave Chamaret, vekas atenton per sia belega kaj akurata skribo. Li praktikis sian povon por konstruo de bela persona listo

(por ne diru katalogo) pri ĉiuj la Esperanto-poŝtmarkoj. Ĝi estas farita sur slipoj por ĉiu eldonlando, tiel ke tiuj slipoj facile estas laŭlandaj, alfabete aranĝitaj. En la skemo estas rubrikoj por ĉiuj mencioj pri ĉiuj pm.j.: jaro, Yvert-nr. kaj -valoro, kaŭzo de eldono, priskribo kaj rimarkoj, kaj fine rubrikoj kie li povas per x-signo montri, ĉu li posedas la markon neuzita kaj uzita.

Tia persona listo estas ja praktika kaj rekomendinda, kaj ĉiu kolektanto povas aranĝi ĝin laŭ sia propra gusto kaj povo. La priskriba teksto estas ja la konata, kiun oni povas kompili de diversaj katalogoj.

Sed tamen mi trovis je trarigardo de la brazila parto priskribon de eldono, kies rilato al esperanto eble ne estas konata de ĉiuj.

Dum mia pensado pri eventuala notico en Fenikso pri tiu eldono - mi ricevis ankaŭ de Evaristo Gil referencon pri la sama eldono, kaj tial mi tuj decidis skribi la jenan noticon en kiu mi iom intermiksas la tekstojn de la du kolektantoj.

En 1945 la brazila poŝto eldonis belegan serion de 5 gravuritaj poŝtmarkoj nomitan "Serio de la venko". La bildoj sur la 5 pm.j simbolas 1) Honorigo de la milit-mortintoj, 2) Gloro al la batalintoj, 3) Pm por la venko, 4) Pm por la paco kaj 5) Pm por la kunlaboro.
Neniu de la pm.j havas rilaton al Esperanto. Sed oni presigis ilin ankaŭ "lukse" sur kartona papero. Tiu luksa serio estas fiksita sur la 3a paĝo de kajereto, 18x21 cm, vendprezo 20 krusejroj. En la kajereto troviĝas paĝo maldikpapera kun priskribo de la markoj.

Laŭ E. Gil troviĝas diversaj kajeroj.
Kune en unu kajero troviĝas la teksto en 7 lingvoj: portugala, angla, hispana, ĉina, franca, rusa kaj Esperanto. Sed - se mi komprenas ĝuste - ankaŭ troviĝas apartaj kajeroj kun po unu de la 7 lingvoj. E. Gil posedas 2 kajerojn: unu kun

7 lingvoj kaj unu kun Esperanto sole.
Pro tio, ke la brazila poŝto ĉi tie denove oficiale uzis Esperanton, oni nepre devas mencii tion, - skribis Chamaret.
Krom tio E. Gil alportis alian problemon al nia diskuto pri ekstremaj manifestioj de Esperanto en la "filatelo". Li prezentas ankoraŭ 2 okazojn, kie la brazila poŝto uzas nian lingvon. Nek temas pri pm, nek pri sta, sed pri tiu presita signo sur kovertoj per kiu la eldonistoj de perodaĵoj montras, ke la afranko estas pagita laŭ speciala tarifo, - sen uzo de pm.







Du brazilaj Esperanto - periodaĵoj montras en tiu afranko-surpreso siajn titolojn: Esperanto Kooperativo kaj Rio Esperantisto.
Ankaŭ tio estas interesaj manifestioj.
Por ke vi eble pli bone komprenu pri kio temas, mi faris ĉi-supran simplan skizon, kiu ne pretendas korektecon.

Reinhold Jensen

## FILATELAJ MEDITAĴOJ

Sufiĉe vigla diskuto en Fenikso nr. 2 pri Esp.-poŝtmarkoj kun talono devigas min eksidi ĉe la skribotablo kaj diri kelkajn vortojn pri la afero. Fakto estas, ke ekzistas poŝtmarkoj kun rekta rilato al Esperanto kaj poŝtmarkoj kun Esperantoteksto sen tiu rilato (ekz. rusa Popov k.t.p.). Plie, kelkaj el tiuj pm.j ekzistas kun diversaj dentumoj kaj ankaŭ sendentaj,

en diversaj kolorvarioj k.t.p. Plie ni havas 2 pm.jn kun talono. La aŭstra pm 20 gr (Yvert 770) ekzistas ankaŭ presita sur aerogramo kaj sur poŝtkarto; krome tri aliaj polaj pm.j ekzistas nur presitaj sur poŝtkartoj. Kaj lastatempe aperis normala kaj surpresita pm.j de "Insulo de la Rozoj". Terura Babelo! Kiel ilin ordigi? Kion kolekti kaj kion ne? Kion fakte signifas la termino "Esperanto-poŝtmarko", pri kiuj ni interesiĝas kaj kiujn ni volas kolekti?

1)Por kontentige solvi la aferon ni provu antaŭ ĉio respondi la lastan demandon. Ekzistas kelkaj kondiĉoj, ke ni povu pri ia poŝtmarko paroli kiel ekz. pri franca pm; la plej ĉefa kondiĉo estas, ke la teksto sur la pm estu en franca lingvo (kvankam ne ĉiuj franclingvaj pm.j estas francaj pro la kaŭzo, ke francan lingvon uzas oficiale pliaj ŝtatoj). Simile ankaŭ germana pm havas germanan tekston, k.t.p.

Analogie do Esperantopoŝtmarko povus esti tia pm, kiu havas tekston en Esperanto = pm kun Esperantoteksto; sed.. ekzemple la brazila pm de 1960 (Yvert 691) havas la tekston en portugala lingvo! Ĉu do ĝi estas Esperanto-pm? Certe jes! sed la malfacilaĵo venas el tio, ke la termino "Esperanto-poŝtmarko" mem estas nepreciza. Ĝi devus teksti: Poŝtmarko en aŭ pri Esperanto. Do, fakte temas pri du specoj de poŝtmarkoj.

a) poŝtmarko kun Esp-teksto, (ne grave ĉu tiu teksto rilatas aŭ ne rilatas al Esp.)

b) poŝtmarko en nacia lingvo rilate al Esp.

En ĉi tiu senco apartenas al veraj Esp-pm.j ĉiuj pm.j kun Esp-teksto rekte sur la pm kaj ĉiuj nacilingvaj pm.j kun rilato al Esperanto, kaj ankaŭ ĉiuj varioj en dentumo, surpreso k.t.p. de tiuj poŝtmarkoj.

2) Teksto sur talono plejofte havas propagandan celon, kiu havas neniun rilaton al la apudpresita pm. Pro tio la talono mem de pura filatela vidpunkto estas senvalora peco da papero. Malgraŭ tio la bavara pm, kiu mem havas bagatelan prezon, kostas kune kun la aligita talono

sufiĉe altan sumon. Same pri la ĉeĥa post jarvico.

Ĉar tiuj pm.j mem (sen talono) havas nenian rilaton al Esperanto, ni ne povas envicigi ilin inter verajn Esp-poŝtmarkojn. Pro ĉeesto de la Esp-teksto sur la apuda talono oni povus paroli eble nur pri "duonoficialaj Esp-pm.j", kvankam tiu termino estas ege nepreciza. Ĉu do ili apartenas al nia kolekto? Ni estas ne nur filatelistoj, sed antaŭ ĉio esperantistoj, kaj kiel tiaj ni serĉas oficialajn dokumentojn pri uzo de Esp. Tial ankaŭ tiuj 2 poŝtmarkoj envenu la kolektojn, kvankam ni povas ĉiam ilin klacifiki nur kiel poŝtmarkon kun Esperanto-talono.

3) Poŝtmarkoj surpresitaj sur aerogramo aŭ sur poŝtkarto ne estas veraj poŝtmarkoj, - sub la nomo "poŝtmarko" oni komprenas peceton de papero kun certa valoro, kiun oni gluas sur koverton aŭ karton, ĝi estas speco de "imposta" marko. Tamen ni envicigas ankaŭ tiujn, tiel nomataj "tutaĵoj" en la kolekton pro la fakto menciita sub punkto 2.

4) Novaj "poŝtmarkoj" de Rozinsulo certe vekos ne nur intereson - sed ankaŭ kondamnon. Memkompreneble, ĉu oni povas nomi "suverena ŝtato" artefaritan ferbetonan konstruaĵon en grandeco de 400 kvadrat-metroj? Sub la nomo "ŝtato" ni subkomprenas pli malpli grandan teritorion kun certa nombro da loĝantoj, kiu povas importi, eksporti k.t.p., kaj kiu estas oficiale aprobita de la cetera mondo. Ĉio tio mankas al la nova "ŝtato", - kaj mi persone tre bedaŭras, ke la eltrovinto de tiu ideo, inĝ. Rozo, elektis kiel oficialan lingvon ĝuste Esperanton.

Dank'al tiu malfeliĉa ideo la mondo povas primoku ankaŭ nin, - Esperantistojn. Ŝajnas do, ke temas pli pri glumarkoj ol poŝtmarkoj. Tial ni ne povas klasifiki ilin kiel verajn poŝtmarkojn kaj meti ilin en la kolektojn ekspozici-cele, se ni ne volas la tutan kolekton malplivalorigi en la okuloj de la ekspozicia ĵuĝkomisiono.

-

La plej bona solvo ŝajne estas dividi ĉion en kelkajn grupojn. Ekzemple:

1) Normalaj Esp-pm.j (Pm en aŭ pri Esperanto)
2) Pm.j kun Esp-teksto sur talono (kupono)
3) Pm.j kun Esp-teksto enpresitaj sur kovertoj kaj kartoj.

Kiujn pm.jn kolekti kaj enmeti en la kolekton? Ĉiu kompreneble rajtas mem solvi la demandon k enmeti en sian kolekton ĉion, kion li deziras, sed se ni volas solvi la aferon de faka vidpunkto kaj eventuale eĉ ekspozicii, ni devas atenti kelkajn filatelajn regulojn.

Ekzistas kelkaj specoj de kolektoj, el kiuj la plej ĉefaj estas: ĝenerala kolekto, speciala kolekto kaj laŭtema kolekto.

Ĝenerala kolekto enhavas ĉiujn poŝtmarkojn kun ĉiuj varioj nomitaj sub punkto 1. El skrupula vidpunkto ne apartenas ĉi tien la pm.j sub punktoj 2 kaj 3; ni povas ilin eventuale ankaŭ aldoni, sed ĉiuokaze ni devas ilin apartigi de la ceteraj markoj. La poŝtmarkoj ordinare viciĝas laŭ la landoj kaj kronologie.

Speciala kolekto servas al studado. Ĝi povas enhavi ekz. nur unu aŭ kelkajn poŝtmarkojn, sed tiam ĝi devas havi ĉiujn akireblajn variojn eĉ mispresojn, nigrajn presojn, provpresojn, pm sur kovertoj kaj kartoj k.t.p. Ĉion akompanas riĉa teksto kun multaj detaloj pri la materialo.

Laŭtema kolekto estas tiu, per kiu ni celas dokumenti la historion de nia lingvo. Kompreneble ni ne devas dokumenti la tutan historion, la kolekto povas "priskribi" ekz. nur kongresojn; ĝi povas havi temon "Esperanto en servo de la paco", ni povas fari laŭteman kolekton nur pri Zamenhof k.c. La temoj povas esti tre diversaj. De la ĝenerala diferenciĝas la laŭtema kolekto per tio, ke ordinare ĝi havas pli da tekstoj kaj neregulan arangôn de la materialo. La kolekto povas enhavi - kaj ofte enhavas - ankaŭ aliajn pm.jn, dokumentan tekston, eĉ stampojn ktp., ĉar temas pri laŭtema materialo, ne neces-

as, ke la kolekto enhavu absolute ĉiujn variojn de la koncernaj pm.j, eĉ, plejofte tia kolekto estas taksita malpli. Pro tio oni devas zorge pripensi ĉion tion precipe ĉe aliaj varioj de pm - aliaj dentumoj, sendentaj kaj surpresitaj poŝtmarkoj. En la kolekton oni nepre envicigu pm.jn sub ĉiuj punktoj 1 - 3, sed oni elektu el la materialo kaj tre zorge meditu pri la varioj.

(mallongita de la Red.) Vladimír Váňa

∻∻∻∻

INEKSĈASOFILA 1967

Nia ano, s-ro Andrejeviĉ el Novi Sad, donis al mi tre afable kelkajn plurajn klarigojn pri la ekspozicio en Novi Sad, kiu transprenis sian oficialan nomon el Esperanto.

Unu el la ĉefaj aranĝantoj de la ekspozicio, la mondkonata filatelisto, inĝ. Mirko Verner, simpatias kun Esperanto kaj akceptis proponon eluzi Esperanton por propagando de la ekspozicio. Li mem petis s-ron Andrejeviĉ kunmeti la Esp-lingvan mallongigon, kaj nia ano do estas aŭtoro de la vorto INEKSĈASOFILA.

S-ro Andrejeviĉ ne estis dum la daŭro de la ekspozicio en Novi Sad kaj ne povis por si (bedaŭrinde ankaŭ ne por ni) prizorgi ĉiujn aperintajn stampojn. Sed li posedas la stampon, kiun mi priskribis kiel "presita bruna", ankaŭ en nigra koloro stampita kun dato: 5. 10. 1967. Estas do necesa katalogi la stampojn jene:

| | | | |
|---|---|---|---|
| NOVI SAD. | 22.9.67. | a) | presita bruna (UTK) |
| | 22/9-5/10 | b) | manstampita nigra |
| | 22.9.67. | | balona flugo, nigra. |

Mi esperas, ke la demando pri INEKSĈASOFILA 1967 estas nun, post du jaroj, kontentige klarigita.

Frank Tichý

-QQQQ-

Kompleta listo de polaj Esp-stampoj de 1968.

1) Czestochowa 1. 14. IV. 1968
51-a datreveno de la morto de aŭtoro de Esperanto kaj portreto de Zamenhof

2) Lódź 1. 2. - 10. V. 1968
Esp-stelo, blazono de la urbo Lódź
Pola teksto: 60 lat Esperanta na Ziemi Lódzkiej. + Esp-teksto: 60 jaroj de Esperanto en LÓdź-regiono.
(la poŝtoficejo uzis 9 stampilojn)

3) Katowice 1. 23. VI. 1968
triangula apudstampo. Pola teksto: IV lot poczty śmiglowcowej. + Esp-teksto: IV flugo de helikopter-poŝto (okaze de la flugo de helikopterpoŝto oni eldonis 2 specialajn kovertojn en koloroj: ruĝa kaj blua)

4) Międzygórze. 17. - 30. IX. 1968
ronda stampo. pola teksto: IV Międzynarodowe Wczasy Esperanckie + Esp-teksto: IVa Internacia Esperantista Ferio. (du duongloboj, Esp-stelo kaj litero "E")

5) Bystrzyca Kłodźka. 28. IX. 1968
triangula stampo. pola teksto: IV Międzynarodowe Spotkanie Przyjaźni.
Esp.: IVa Internacia Renkonto de l'amikeco.(urba turo kaj litero "E".

6) Olsztyn 1. 7.- 13. X. 1968
duonglobo, packolombo kun letero.
pola teksto: XII Międzynarodowy Tydzień Pisania Listów. + Esp teksto: XIIa Internacia Semajno de Korespondado. (oni trovas ankaŭ poŝtstampon kun neoficiala dato: 6. X. 1968).

7) Bialystok 1. 7. - 13. X. 1968
ronda stampo. pola kaj Esp.tekstoj

estas la samaj kiel sur stampo nr. 6.
(duonglobo kaj 7 leteroj)

Bielak Stefan

--- oOOCOo ---

S T A M P O - S E R V O informas....

En tiu ĉi numero de Fenikso vi trovos sur aparta folio unuan liston de haveblaj stampoj. Ĝi ankoraŭ ne estas longa, konsistas el donaĵoj de anoj Amouroux, Jensen kaj Tichý. Kelkaj aliaj promesis sendi poste ion el siaj superfluaj duoblaĵoj, kaj mi esperas, ke ĉiu membro montros, ke li estas preta helpi al bona starto de nia AREK. Ĉeĥa proverbo diras: Kiu rapide donacas, duoble donacas..

Pli ĝojiga sciigo koncernas novaĵ-servon. Mi povas jam proponi al niaj anoj novaĵojn el 5 landoj: Ĉeĥoslovakujo, Danlando, Francujo, Hispanujo kaj Svedujo. Por aliaj landoj mi serĉas volontulojn. Ankaŭ abonon vi povas fari sur la mendo-folio. Konkrete mi jam povas akcepti mendojn por poŝtstampo el franca-germana kongreso dum pasko en Strasburg.

*

Ekde februaro funkciis en Parizo varbstampo por kongreso de SAT-amikaro, - kiun Stampo-servo prizorgos por abonantoj.

Dum pasko okazos pluraj naciaj kongresoj, kie ni eble povas atendi porokazajn stampojn. En Dublin 53a brita, en Strasburg germana-franca, en Göteborg sveda, en Brugge belga. Mi petas anojn informi min tuj, kiam ili eksciis pri nova stampo en iliaj landoj.

Stampo-servo povas esti al Vi utila nur en kunlaboro de ni ĉiuj. Forsendu tuj la aliĝilon kaj mendilon aldonitajn al tiu-ci numero.

*

En jaro 1970 eldonos Komisiono pri Motivfi-

latelo por Asocio de Ĉeĥoslovakaj Filatelistoj jam kvaran eldonon de Internacia Adreslibro de Motivkolektantoj. Tria adresaro, kiu aperis antaŭ kelkaj semajnoj, enhavas ne nur adresojn de 1700 motivkolektantoj el la tuta mondo ordigitajn kaj laŭ nomoj kaj laŭ motivoj, sed ankaŭ detalan klasifikon de ĉiuj motivoj laŭ internacia dekada sistemo. Por ni estas grave, ke en ĉapitro 8 - lingvoj, lingvoscienco, estas sub nr. 800.89 ESPERANTO kun 13 adresoj. 3 el ili estas niaj membroj (Bartoŝik, Gil kaj Tiçhý).

La adresaro estas en 4 lingvoj : ĉeĥa, franca, angla kaj germana.

Petu formulon por senpaga enpreso de Via adreso ĉe mi aŭ direkte ĉe Fédération des Philatelistes, Jindřišská 18, Praha 1. Tchécoslovaquie.

Limo por aliĝo estas fino de junio 1969.

Frank Tichý

÷÷÷÷÷÷

MEMBROLISTO

29) Ljubomir Leviĉarov, Bulv. Lenin 83 / 107-a
Sofia 13, Bulgarujo.
Kol. ĉiuspecajn Esperantaĵojn.

18) Helmut Rath. Bonvolu noti, ke li nur
kolektas: Glm. (ne Pm kaj Sta)

Mallongigoj en la listo temas nur pri Esperantaĵoj, do subkomprenu je ĉiu indiko: E s p .

| | |
|---|---|
| Broŝ = Broŝuro | Pk = Poŝtkarto |
| Gaz = Gazeto | Pm = Poŝtmarko |
| Glm = Glumarko | Sta = Poŝtstampo |
| Ins = Insigno | Tut = Tutaĵo |
| Lit = Literaturo | UTK = Unuataga kov. |

Landoj kun poŝtnumeroj uzas antaŭ la numero la int. aŭtomobil-konigliterojn. Ekz.:

A = Aŭstrujo, B = Belgujo, D = Okc.Germanujo, DK = Danujo, F = Francujo, I = Italujo kaj S = Svedujo.

÷÷÷÷÷÷

G L U M A R K O J  1968  (Daŭrigo)

12) La marko de la vintraj olimpiaj ludoj (pĝ.9) fariĝis nun eĉ pli "enigma", ĉar estas div. bildoj kaj koloroj (mi petas detalojn!!!) Mi ankaŭ ne sciias, ĉu la bildoj estas samf.

Bildoj: 1) Ski-saltanto
2) La olimpia torĉo
Kol. : a) blua, ruĝa k verda, flava fono
b) nigra, ruĝa k verda, flava fono
c) blua, ruĝa k verda, helroza fono
d) nigra, - - - - (?)

17) AVA - antiTBmarkoj 1968. Foligranda desegnaĵo per la dentumigo dividita je 25 diversaj kaj diversgrandaj markoj. La centra motivo esta 3 fotoj de iu festo, ĉirkaŭe estas kadro kaj teksto. Dentita kaj nedentita. 2 preskoloroj sur 3 paperkoloroj. Do tiu "nenecesa", jara serio konsistas de ne malpli ol 300 markoj = 12 div. fol. kun po 25 diversaj markoj. Ne estas mirinda, ke tia troigo lacigas nin kolektantoj, kiuj ofte aĉetas la markojn laŭ la principo de kompleteco - ne unuavice por doni helpon al la loka motivo por la elsendo - eĉ malgraŭ ke tiu estas sufiĉe inda. Troigo estas ĉiam malbona afero. Oni povas aĉeti la serion por 2,5 US-dolaroj ĉe Mr. VENTOŜA, Major 1, Vendrell, Tarragona, Hispanujo. Li ne estas esperantisto sed korespondas en angla lingvo.

18) Nia samideano, s-ro Bruno Gahler el Hamburg tre á propos utiligis la proklamitan devison: 1968. Jaro de la homaj rajtoj! kiel motivon por 3a eldono de siaj propagandaj glumarko kaj karto pri la sudetgermana demando. Estas eble, ke lia dezirata solvo de tiu problemo ne estas ideala por ĉiuj grupoj, sed ni memoru, ke uzo de Esperanto estas permesita por ĉiuj celoj. Laŭ la ilustraĵo vi povas vidi la tekston, sed la elsendinto es-

tis tiel favora al ni, ke li ankaŭ donacas ekzempleron al ni ĉiuj. La glumarko, presita nigra sur flava gumita papero estas fakte "raraĵo", ĉar la stoko de ĝi estas nur 100 ekzempleroj. La sama teksto estas uzita sur pk, kiun li ankaŭ afable kunsendas, la pk estas presita en 1000 ekz. Samideano Bruno Gahler skribis: - Al ĉiu, kiu resendos tiun karton bele afrankita al li (vidu adreson sur la marko) li sendos alian karton laŭeble afrankitan per la germana pm Jahr der Menschenrechte.



Samtempe li petas pri opiniesprimoj, kaj li respondas informpetojn.
Do, ni AREKanoj havas grandan privilegion. Utiligi ĝin, eĉ se vi ne estas samopinia kun s-ro Gahler. Estas ja Esperanto-manifesto..

GLUMARKOJ 1969. (Daŭrigo)

6) 53a brita Esp-kgr. Dublin. Pasko 4 - 7/4. Verda stelo kun trifolio. Nigra teksto. trĉ.

7) Unua franca-germana Esp-kgr. Strasburg. Pasko. Verda stelo kun E, tur-silueto kaj teksto. Malhelverda sur flava papero. □

---

Ankoraŭ unu "nova" malnova UTK kun Esp-pm.

Kiel konate, ĉiuj tri hungaraj Esp-poŝtmarkoj ekzistas ankaŭ sendentaj. Sendentaj pm.j estis eldonitaj kaj venditaj, sed ili ne havis afrankan validecon. Pro tio oni ne povas trovi tiajn pm.jn stampitaj. Eventuele stampitaj sendentaj pm.j de 1957 ne estas stampitaj oficiale.
Tamen, pli poste la hungara poŝto ŝanĝis tiun decidon, kaj oni povis nun ankaŭ sendentajn markojn uzi por afranko.
Pro tio la sendenta vario de la pm de 14-a IFEF - kgr 1962 ekzistas ne nur stampita, sed ankaŭ sur unuataga koverto.
Entute do ekzistas 3 UTK kun hungaraj Esperanto-poŝtmarkoj: 1) kun la 2 dentitaj pm.j de 1957. 2) kun la dentita pm 1962, kaj 3) kun la sama, sendenta, pm 1962.

Vladimir Váňa

---

Karaj AREKanoj ne forgesu dum viaj someraj vojaĝoj aŭ ĉe vizito de Esp-okazintaĵoj fari noton pri ĉiuj novaĵoj - kaj mencii pri tio al ni
Bonan someron! Ĝis revido en frua aŭtuno.

Ivar Paulsson.

---

Venonta numero laŭplane 1-an de septembro !

÷÷÷÷